# BULTENO
DE
# Internacia Scienca Asocio Esperantista

N° 1. — JANUARO 1926

## KLARIGO

Tiu Bulteno anstataŭas, kiel oficialan organon de I. S. A. E. kaj de la Sekcio de T. V., la Sciencan Bultenon, kiu estis, lastan jaron, ĉiudumonata aldono al la gazeto *Esperanto*. Ĝi entenos nur sciigojn pri la Asocio, kaj utilajn por la propagando. Ĝi aperos tiun ĉi jaron komence de la monatoj Januaro, Aprilo, Julio kaj Oktobro.

Se la Asocio prosperos, tiu ĉi Bulteno fariĝos Scienca Revuo ; sed ni tion faros nur se ni trovas sufiĉe grandajn monrimedojn, kaj havas certecon, ke ni povos daŭrigi la publikigadon dum kelkaj jaroj.

Tiu Bulteno estas apartigata laŭ kvin partoj ; en la unua, titolita : **Vivo,** ni donos sciigojn pri la interna vivo de nia Asocio ; en la dua : **Agado,** ni montros la agojn de niaj membroj ; en la tria : **Progreso,** ni konstatos la sukcesojn de la propagando en la Sciencaj kaj teknikaj rondoj ; en la kvara : **Sciigoj,** ni konigos la faktojn utilajn por la propagando aŭ interesajn por niaj membroj ; fine, en la kvina : **Sekcio de T. V.,** ni donos sciigojn interesajn por la kunlaborantoj de la Teknikaj Vortaroj.

Ni intencas ankaŭ komenci, kiel eble plej frue, **Interkorespondadon,** difinitan por la membroj, kiuj deziras sciigojn pri iu scienca aŭ teknika temo. Iliaj demandoj estos publikigataj en tiu parto de la Bulteno, por ke tiuj el niaj membroj, kiuj tion povas, sendu respondon al la demandantaj membroj. Ni opinias, ke tiu interkorespondado estos unu el la plej efikaj propagandiloj, kaj ni petas niajn membrojn provi ĝin, ne nur por si mem, sed ankaŭ por la samnaciuloj, kiujn ili deziras varbi.

# VIVO DE N'IA ASOCIO

La nombro de niaj membroj je la unua de Novembro estis 165.

Ni donas, en tiu Bulteno, nomaron kaj adresaron ; ni petas la membrojn, kies profesio ne estas, aŭ estas erare montrata, konigi ĝin, kiel eble plej detale ; tio estas tute necesa por ke profitdona kunlaborado naskiĝu kaj disvastiĝu inter samfakistoj.

*Ni insiste petas niajn membrojn pagi, kiel eble plej frue, la kotizon por 1926, kaj tiujn, kiuj ne ankoraŭ estas* **subtenantoj** *profiti la okazon por fariĝi tiaj.* Sendu al *S-ro Rousseau, 4, place de la République, Levallois-Perret (Seine), France.*

## Komitato

La Estraro de la Asocio konsistas el :

**Prezidanto :** *P-ro Odo Bujwid,* profesoro de higieno ĉe la universitato de Krakovo (Polujo) ;

**Vic-prezidanto :** *Kolonelo Inglada,* profesoro de geodezio ĉe la Supera Militista Lernejo de Madrid (Hispanujo) ;

**Ĝenerala Sekretario :** *Inĝeniero Rollet de l'Isle,* generala hidrografia inĝeniero de la franca maristaro ;

**Sekretario kasisto :** *S-ro Rousseau,* Levallois-Perret (Francujo) ;

**Komitatanoj :** P-ro *Cotton,* profesoro ĉe la Pariza Universitato, membro de la scienca franca akademio ; P-ro *Dietterle,* direktoro de la ŝtata germana Instituto de Esperanto, Leipzig ; Inĝ. *Isbrücker,* ĉefinĝeniero de telefona kompanio ĉe Hago (Nederlando) ; D-ro *Stromboli,* metalurgiisto inĝeniero ĉe Pisa (Italujo).

## Decidoj de la Komitato

1e **Kotizo.** — Ĉar sufiĉe granda nombro da membroj skribis al la ĝenerala sekretario, ke ili ne plu povas daŭrigi sian aliĝon al la Asocio pro la tro alta kotizo decidita de la Pariza Konferenco, kaj ĉar tamen estas necese, ke la Asocio

ricevu sufiĉe fortajn monrimedojn, la komitato decidis, ke estos du kategorioj de aktivaj membroj : la unuaj nomataj *subtenantoj* pagos kotizon de 2,5 dolaroj (dumviva 40 dol.), kaj la duaj pagos kotizon de 0,5 dol. (dumviva 10 dol.) ; la dumvivaj kotizoj povos esti pagataj per apartaj monsumoj.

2e **Bulteno.** — La komitato decidis eldoni periodan bultenon sendatan senpage al ĉiuj membroj, kaj anstataŭantan la Sciencan Bultenon, kiu aperis prove, dum la jaro 1925, kiel aldono al la gazeto *Esperanto*. Tiu lasta estis ricevata nur de la membroj abonantoj de tiu gazeto ; estas preferinde, ke ĉiuj membroj estu periode informataj pri la agado de la Asocio.

3e **Naciaj delegitoj.** — Ĉar estas malfacile direkti kaj efektivigi fruktodonan agadon en la tuta mondo, per unu nura centra organo, kiel la ĝenerala sekretariejo, estas necese, ke, en ĉiu lando, estu delegito de nia Asocio.

Tiuj delegitoj, elektitaj de la komitato, klopodos por plenumi, en sia propra lando, la programon de agado difinitan de la Internacia Pariza Scienca kaj Teknika Konferenco (1925), kaj korespondos senpere kun la ĝenerala sekretario pri la okazantaĵoj aŭ okazontaĵoj ekspluatotaj laŭ tiu celo.

La komitato elektis delegitojn en dudek landoj, kaj nun klopodas por organizi tiun gravan agrimedon. Ni konigos la nomojn kaj adresojn de la delegitoj, post kiam ili estos akceptintaj la taskon, kiun la komitato al ili proponas.

La **Koninklijk Instituut van Ingenieurs** (Gravenhage, Nederlando), aliĝis al la Asocio, kaj pagis la kotizon por 20 jaroj. Ĝi elektis S-ron *Isbrücker*, nian komitatanon, kiel reprezentanton.

Ni altiras la atenton de niaj membroj sur tiu fakto, kiu konsistigas altvaloran argumenton por varbi la sciencajn kaj teknikajn asociojn. La Pariza Konferenco konigis al ni tiajn Asociojn, jam favorajn al Esperanto — kion, ĝis nun, oni ne sciiĝis — kaj nun dependas de nia agado pligrandigi tiun favoremon ĝis aliĝo al nia Asocio.

## AGADO DE NIA ASOCIO

S-ro **St. Kamaryt** skribas : « Por helpi al propagando « en sciencistaj rondoj, mi fondis ĉe Ĉekoslovaka Asocio « esperantista, *sciencan sekcion*. Ĝia tasko estas zorgi pri « plioftigo de sciencaj resumoj en Esperanto ». S-ro *Kamaryt* skribis al la direktoroj de la ĉefaj teknikaj revuoj en sia lando, kaj jam ricevis sukceson. Li ankaŭ altiris la atenton de la esperantistaj Asocioj de malgrandaj nacioj, por ke ili agu same en la sciencaj kaj teknikaj rondoj de ilia lando.

S-ro **Guéritte,** kiu ĉeestis la Parizan konferencon, kiel delegito de kelkaj gravaj britaj asocioj, verkis kune kun S-roj *Bryce* kaj *Cullis,* ankaŭ delegitoj, raporton angle redaktitan pri tiu konferenco, kiu aperis en la Bulteno de la Societo de Inĝenieroj, kaj estis publikigata kiel aparta broŝuro. Ekzempleroj estas senditaj al diversaj societoj de teknikistoj por disdono al iliaj membroj (ĉirkaŭ 10.000) ; 3.000 estas donitaj al la grupoj de Brita Esperanto Asocio, por loka propagando; aliaj estas adresitaj al membroj de la komitatoj de la Teknikaj Asocioj, kiuj ne ĉeestis la konferencon ; kaj fine kelkaj centoj estas senditaj al usonaj esperantistoj, ĉar ĝis nun neniu raporto pri la konferenco estas publikigita en tiu lando.

## PROGRESOJ

Tre mallonge ni donas tie ĉi sube resumon de la progresoj realigitaj en la sciencaj kaj teknikaj rondoj, dum la jaro 1925.

En la **unua internacia kongreso de radio-amatoroj,** studo kaj uzado de Esperanto estas rekomenditaj por internaciaj radiotelefonaj komunikoj kaj disaŭdigoj, por resumoj en la revuoj, por la kongresoj (Aprilo).

La **oficialaj postenoj de T. S. F.** en Francujo disaŭdigas kursojn de Esperanto, kaj poste paroladojn (Majo).

**Internacia konferenco** por uzado de Esperanto en la sciencoj puraj kaj aplikataj okazas en Parizo (Majo).

**Doktoro Poncet** redaktas kaj legas tezon de doktoreco starigitan per helpo de diversnaciaj korespondantoj pere de Esperanto (Marto).

**S-ro Campbell, prezidanto de la Internacia Astronomia Uniono,** estas reprezentita ĉe la Universala Kongreso de Esperanto ; **Generalo Delcambre, direktoro de la Meteorologia franca Oficejo,** ĉeestas tiun kongreson, kaj alparolas ĝin esperante (Aŭgusto).

**S-ro Generalo Sebert** prezentas al la Franca Scienca Akademio noton de **S-ro Rollet de l'Isle,** pri la esperantaj vortaroj (Aŭgusto).

La **Franca Societo de Elektristoj** decidas publikigi resumojn en Esperanto de la artikoloj aperantaj en sia oficiala Bulteno (Julio).

La **unua internacia kongreso de la Teknika Gazetaro** alprenas deziresprimon favoran al Esperanto. Ĝi instigas ĉiujn revuojn kaj gazetojn aldoni esperantajn resumojn de la artikoloj nacilingve redaktitaj, decidas ke Esperanto estos unu el la oficialaj lingvoj de la venontaj kongresoj, kaj utiligi ĝin en la oficejoj internaciaj ĵus kreitaj ; ekzemple en la projektita jarlibro estos uzataj la franca, angla, germana kaj esperanta lingvoj (Septembro).

**La III-a internacia kongreso de Aera navigacio,** laŭ la propono de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, decidis starigi internacian komisionon por enkonduki kaj disvastigi uzon de Esperanto, kiel teknika lingvo de aera navigacio, kaj invitis S-rojn Torres y Quevedo, kolonelo Paul Renard, Henry Kapferer, komandanto Emilio Herrera, Archdeacon, Rollet de l'Isle partopreni tiun komisionon (Oktobro).

**La Internacia Telegrafa Konferenco** decidis alpreni Esperanton kiel klaran lingvon ; jen la oficiala decido :

« Artikolo 7 de la Internacia Telegrafa Regularo, kiu « antaŭvidas uzon de la naciaj lingvoj kaj de l' latino, estas « kompletigata laŭ jene :

« *La uzo de l' latino kaj de Esperanto estas sam-* « *maniere permesata* ».

Tiu decido donas al Esperanto definitive la karakteron de oficiale akceptita internacia helplingvo (Novembro).

La **Internacia Uniono de Akademioj** (iam Internacia Asocio de Akademioj) en sia ĉiujara kunsido de 1924, aŭdis raporton de S-ro *Liland,* delegito de Usono pri internacia lingvo. Tiu demando estis enkondukita de la usonaj delegitoj,

la antaŭan jaron. La Raporto konkludas, petante ke la Akademioj respondu la demandojn :

1e Ĉu estas utile favorigi disvastiĝadon kaj uzadon de helpa lingvo ?

2e Ĉu ekzistas pli favora opinio pri iu ol pri alia el la helpaj lingvoj ekzistantaj ?

Sekve de tiuj demandoj, la **Imperia Akademio de Japanujo,** ĉe la ĝenerala kunveno de Marto 1925, respondis per unuanimeco de 43 voĉoj, jes al la unua. Pri la dua, estis 24 voĉoj por Esperanto, 1 por Ido ; 18 ne voĉdonis.

## SCIIGOJ

*S-ro Wladimir Maynov,* el *Leningrad (Rusujo)* sciigas, ke, laŭ lia propono, la Rusa (tutunuiĝa) **Akademio de Sciencoj en Leningrad** priparolis la demandon pri uzado de Esperanto en tradukoj de siaj verkoj.

**La franca Revuo « Les Travaux Publics »** oficiala organo de la « sindikato de la inĝenieroj de la ŝtataj laboroj », kiu patronadis la Internacian Sciencan Konferencon de Parizo en 1925, publikigas en sia numero de Septembro, la paroladon de S-ro *Daniel Berthelot,* ĉe la Sorbono, en la solena kunsido de malfermo de tiu konferenco.

Samideano **Mikaelo Dunin** (Ul. Gercena d. 14 A. Kv. 21, Moskvo, Rusujo), sciigas, ke lia laboratorio entreprenis grandan esploron de la fongoj el gento latine nomata *Fusariani Lv.* ; kaj deziras interrilatiĝi kun ĉiulandaj kolegoj, por ricevi necesajn por la esploro kulturojn de la plej diversaj specoj de tiu gento.

En la numero de Oktobro 1925, *S-ro Harry A. Epton,* sekretario de Internacia Radio Asocio, proponas organizadon de **Internacia « Clearing-House » por sciencaj serĉadoj.** Li proponas, ke komence ses gravaj sciencaj aŭ teknikaj revuoj, rilataj al sama fako, interkonsentu por publikigi en ĉiu numero esperantajn resumojn de la ĉefaj artikoloj ; tiuj numeroj estos interŝanĝataj kaj ĉiu eldonisto publikigos la plej interesajn, laŭ sia opinio, el tiuj resumoj, tradukante ilin en sian nacian lingvon. Sekve, en ĉiu gazeto, estos du partoj : unue

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ
(1-a DE NOVEMBRO 1925)

D. = dumviva membro ; S. = subtenanta membro

### Aŭstralio

**Dornbusch** (C.), Warwick (Queensland).

### Aŭstrujo

**Biehler**, doktoro, Albertstrasse, Graz.

### Belgujo

**Baesens** (A.), ĥemiisto, 16, rue de la Station, Malines.
**Champy** (L.), teknikisto, 19, rue Richard, Anvers.
**Groverman**, advokato, Kasteelstraat, Gentbrugge.
**Hendricx** (V.), inĝeniero, 148, rue Rosendael, Forest-Bruxelles.
S. **Vandevelde** (C.), ĉef-inĝ. de Belgaj fervojoj, 230, Zwart Heirestraat, Gentbrugge.

### Britujo

**Buchanan** (J.), kuracisto, 33, Lower Belgrove Street, London S. W. 1.
S. **Butler** (M.), 17, Hart Street, London.
**Fourman** (C.), entomologiisto, 24, Binfield road, London S. W. 4.
D. S. **Guéritte** (T.), inĝeniero, 11, Claremont Gardens, Surbiton.
S. **Hunter Bryce**, inĝeniero, 221, Wingrove avenuè, Newcastle.
D. S. **Hyams** (S-ino), 87, South Side, Clapham Common, London.
**Luce**, (R.), generala majoro, 42, Friar Gate, Derby.
**Marin** (G.), antropologiisto, Whiteway Colony, Stroud.
**Warden** (J. M.), 41, Cluny Drive, Edinburgh.
**Williamson** (J.), 114, Duke Street, Leith (Skotl.).
S. **Martin** (A.), kuracisto, 15, Victoria Place, Eastbourne.
S. **La Nouvelle Education**, sekr. : S-ino Guéritte, Claremont Gardens, Surbiton.

### Bulgarujo

**Nyerges** (J.), elektroteknikisto, Vat 'ha, Kritchim.

### Ĉekoslovakujo

**Fischer** (J.), profesoro, Weidenaŭ.
**Hajek**, oficisto, 396, Premyslova nabr., Praha-Nusle.
**Hromada** (R.), komercisto, 333, Socharska, Praha VII.
**Kamaryt** (St), profesoro, 3, Telocviĉna, Bratislava.
**Krouzil** (V.), inĝeniero, Prümyslovka, Brno.
**Parma** (C.), kuracisto, Ostrava-Moravska.
**Ramboušek**, generalo, nova str., 22, Budejovice.
**Schneider** (Fr.), inĝeniero, 17, Havlickova, Praha-Karlin.
**Ulman** (Fr.) Neklanova, 147, Praha VI.

### Danujo

**Blicher** (M.), libristo, Bredgade, 63, Kopenhavn.
S. **Taumose** (A.), inĝeniero, Mollegade, 25-*a*, Kopenhavn.
**Thornstein**, Langaveg, 10, Reykiavik.

## Finnlando

**Ekström** (J.), inĝeniero elektristo, Kaskisgatan, 14, Abo.
**Hakanen** (T.), studento, Linnankatu, 16, Abo.
**Nederström** (P.), Kuopio.

## Francujo

**Agache** (A.), arkitekto, 11, rue Eugène-Flachat, Paris.
**Archdeacon** (E.), Port de Longchamp, Neuilly-sur-Seine.
**Atanasov** (A. D.), agronomo, Paris.
**Baudet** (A.), inĝeniero industriisto, 19, boulevard de Courcelles, Paris.
**Belval** (P.), inĝeniero, 7, rue Beaurepaire, Paris.
**Bobin** (M.), inĝeniero industriisto, 21, rue Vital, Paris.
**Bonnemort** (M.), inĝeniero, 1, boulevard Montmorency, Paris.
**Breton** (P.), 139, boulevard Saint-Germain, Paris.
**Bricard** (R.), profesoro de matematikoj, 108, rue Denfert-Rochereau, Paris.
**Briquet**, doktoro kuracisto, 31, rue de la Bassée, Lille.
S. **Bresson**, eks-oficiro, 17, rue de Chanzy, Courbevoie.
**Brossier** (F.), asekuristo, 25, rue Trézel, Paris.
**Cotton** (A.) profesoro de fiziko, scienca akademiano, 18, rue Maurice-Berteaux, Sèvres.
**Couteaux** (J.), 15, avenue d'Orléans, Paris.
**Cozic** (L.), ŝtata inĝeniero de vojoj, 114, avenue de Paris, Vincennes.
**Delanoue** (G.), direktoro de banko, 4, rue Charles-Divry, Paris.
**Dejean** (P.), profesoro de fiziko, 289, cours Saint-André, Grenoble.
S. **Dény** (M.), inĝeniero industriisto, 20, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris.
**Drudin** (F.), 28, chemin des Mûres, Lyon.
**Duchochois** (M.), industriisto (fiŝkaptado), rue de Trie, Boulogne-s-Mer.
S. **Eyquem**, eks-magistrato, 1, rue Gay-Lussac, Paris.
**Flageul**, profesoro de stenografio, 9, boulevard Voltaire, Issy.
**Gaumont**, industriisto (foto-kinemo), 2, rue Saint-Roch, Paris.
**Gramont** (de), industriisto fizikisto, 42 *bis*, avenue Henri-Martin, Paris.
**Gratzmuller** (L.), inĝeniero elektristo, 25, rue de Rémusat, Paris.
**Gravier** (C.), profesoro, 64, rue de Buffon, Paris.
**Grosjean-Maupin**, direktoro de ŝtata instituto, 56, boulevard des Invalides, Paris.
**Groupe Espérantiste Angevin**, Angers.
S. **Guadet**, profesoro de matematiko, 121, route Nationale, Viroflay.
**Guillaume** (C.), direktoro de Oficejo de Pezoj kaj Mez., Pavillon de Breteuil, Sèvres (S.-et-O.).
**Jouaust** (R.), inĝeniero elektristo, 18, boulevard Saint-Michel, Paris.
**Laignier** (M.), Le Tresum, Annecy (Haute-Savoie).
**Lapiné** (E.), 69, avenue Charles-Floquet, Parc Saint-Maur.
**Laqueille** (M.), inĝeniero (konstruado), 12, rue Desaix, Paris.
**Lauras** (J.), inĝeniero, 29, rue Madame, Paris.
**Leblanc** (M.), inĝeniero elektristo, 47, boulevard de Versailles, Suresnes (S.-et-O.).
**Leroudier** (H.), industriisto, chemin du Luizet, Lyon (Rhône).
**Lhermitte**, 32, rue de Lubeck, Paris.
**Lumière** (L.), fizikisto, scienca akademiano, 262, cours Gambetta, Lyon (Rhône).
**Magnus-Focké** (S-ino), profesoro de muziko, 15, rue Saint-Eloi, Orléans.
**Marly** (P.), negocisto, 11, rue Ad.-Bayssellance, Bordeaux.
**Mendel**, kuracisto, 4, rue Marcel-Renault, Paris.
**Mesny** (R.), profesoro de navigacio, 21, rue Jacob, Paris
**Moissenet**, eks-ŝtata inĝeniero de vojoj, villa Odette, Dax (Landes).
**Pfanner** (J.), inĝeniero, 122, rue du Président-Wilson, Levallois-Perret (Seine).
S. **Polgar** (V.), presisto, 33, rue Lacépède, Paris.
**Poncet** (L.), doktoro kuracisto, 30, rue Ferrandière, Lyon.
**Préaubert**, 23, rue Proust, Angers (M.-et-L.).

**Reddon**, doktoro kuracisto, villa Penthièvre, Sceaux (Seine).
**Richard**, inĝeniero kemiisto, Laboratoire Central, Tanger (Maroc).
S. **Rollet de l'Isle**, eks-generala marista inĝeniero, 35, rue du Sommerard, Paris.
S. **Rousseau** (C.), apotekisto, 4, place de la République, Levallois-Perret (Seine).
**Sebert**, generalo, scienca akademiano, 14, rue Brémontier, Paris.
**Sentis** (H.), profesoro, 17, boulevard Edouard-Rey, Grenoble.
**Tiard** (C.), ŝtata inĝeniero de vojoj, 209, faubourg Saint-Denis, Paris.
**Vanverts**, doktoro kuracisto, 236, rue de Solférino, Lille.

## Germanujo

**Aron** (E.), advokato, Passargestr. 11, Königsberg.
**Arnhold**, bankisto, Waisenhausstr. 18/22, Dresden.
**Bluth** (Fr.), kuracisto, Bad Neuenahr (Rheinland).
**Carnap** (R.), Buchenbad (Baden).
**Dietterle**, doktoro profesoro, 10, Seumestrasse, Leipzig.
**Döring** (Fr.), komercisto, Zasiusstr. 6, Freiburg i. Br.
S. **Dühring** (Fr.), fiziko-matemat., 1, Zentralstrasse, Leipzig.
**Francke** (Fr.), advokato, 145-1, Lindwurmstr., München.
**Frenckell** (von), inĝeniero, Waisenhausstr., 20, Dresden.
**Freudenberg** (A), kuracisto, Nassauischestr. 51, Berlin W.
**Haefeker** (K.), profesoro, 43, Frankfurterstrasse, Siegburg (Rheinl).
**Hanauer**, doktoro bibliotekisto, Kais.-Augusta Allee 37, Berlin-Charlottenburg.
**Kayser** (G.), profesoro, Bismarckstrasse, 50*a*, Riesa.
**Meyer** (G.), Spitalgasse, A. 211, Augsburg.
**Reichel** (W.), studkonsilisto, 32, Kasernenstrasse, Kamenz (Saks).
S. **Schönrich** (K.), instruisto, Emserstrasse, 58, Wiesbaden.
**Schwangart** (E.) (S-ino), 23-1 Terrassennfer, Dresden.
S. **Steche** (A.), industriisto kemiisto, Moschelesstrasse 7, Leipzig.
**Van Emden**, kuracisto, 8-11, Thomaslusstrasse, Halle.
**Wolff** (Fr.), 1, Conradstrasse, Wansee b. Berlin.
**Wüster** (E.), doktoro filologisto, 32, Berlinerstrasse, Berlin-Charlottenburg.

## Hispanujo

**Azorin** (Fr.), arkitekto, Claudio-Marcelo, 18, Cordoba.
**Gaston** (E.), advokato, Don Jaime, 1, 68, Zaragoza.
S. **Herrera** (E.) komandanto de inĝenieroj, aviadisto, II, Espalter, Madrid.
S. **Inglada** (V.), kolonelo, profesoro de geodezio, Guzman el Buerro, 50 2ª, Madrid.
**Maraury** (R.), advokato, Calle de Granada, 93, Malaga.
**Paluzie** (J.), ĥemio-studento, 337, Diputacion, Barcelona.
**Ribaz de Pina** (M.), oficiro de artilerio, Palma de Mallorca.
**Santamarina** (A.), advokato, Teruel.
**Santamarina** (L.), policestro, Rabasa, 45-4°-3ª, Barcelona.
S. **Torrès y Quevedo**, inĝeniero matematikisto, Valgame Dios, 3, Madrid.

## Hungarujo

**Balkányi** (P.), bankoficisto, Hajós utca 15-II, Budapest (VI).
S. **Vörös** (C.), 27-33, Váczi utca, Budapest (IV).

## Italujo

**Cesarini** (F.), int. finanza, Potenza.
S. **Gagnotto** (L.), inĝeniero ŝipkonstruisto, R. arsenale di La Spezzia.
S. **Montezemolo** (C. C. di) (marchese generala), Castiglioncello, Pisa.
**Orengo** (R.), inĝeniero, 3, via Manzoni, La Spezzia.
**Riem** (R.), inĝeniero, 42, via Sicilia, Roma.
S. **Stromboli** (A.), inĝeniero metalurgiisto, Lungarno Regio, Pisa.
**Sekretario de Realo Politecnico**, Milano.

### Japanujo

S. **Japana Esperanto Instituto**, Uŝigome, Ŝin-Ogaua maĉi III-14, Tokio.

### Kanado

**Brault**, doktoro kuracisto, Parent, apud Québec.

### Litovio

S. **Benŝahar** (J.), univers. profesoro, Ugniagesi g. v. 5, Kaŭnas.
S. **Jankauskas** (Pl.) inĝeniero, (Teknika Fakultato), Kaŭnas.
S. **Maĉernis** (J.), seminariisto, Telsiai.

### Monako

**Richard** (J.), oceanografisto, Muzeo de Monako.

### Nederlando

D. S. **Koninklijk Instituut van Ingenieurs**, Den Haag.
**Baart de la Faille** (C.), profesoro, 8, Roellstraat, Arnheim.
**Evenbly** (S.-J.), Badhuisstraat, 103, Scheveningen.
S. **Isbrücker**, inĝeniero (telefonoj), Van Beverhingkstraat, 10, Den Haag.
D. S. **Offerhaus** (S-ino), apotekistino, Groot Hertoginnelaan, 154, Den Haag.
**Van Hengel** (J.), eldonisto, Huize Gooiershove, Eemnes.

### Norvegujo

**Bonnevie** (H.), Bergliens gate, 11, Oslo.

### Polujo

S. **Blassberg** (M.), doktoro kuracisto, Starowilŝna, 18, Krakow.
D. S. **Bujwid** (O.), profesoro de higieno, Lubicz, 34, Krakow.
**Gelibter** (S.), doktoro kuracisto, Zamoŝc.
**Kiewszcynski**, doktoro kuracisto, 30, str. Brzeska, Biala-Podlaska.
**Krenicki** (J.), doktoro kuracisto, Lessno, 66, Varsovio.
**Lisovski** (A.), natursciencisto, Kielce.
**Litauer** (J.), prokuroro, Marszalkowska, 81, Varsovio.
S. **Loth** (E.), inĝeniero ĥemiisto, Zamkova, 26, Pabjanice.
**Robin** (W.), doktoro kuracisto, Marszalkowska, 113, Varsovio.
**Zurkowski** (J.), doktoro kuracisto, Vesola, 27, Kielce.

### Svedujo

**Hakansson** (E.), inĝeniero, Ulriksdal.
**Jansson** (S.), profesoro, Lidingö.

### Svisujo

**Jaccard** (M.), ĥemiisto, 9, rue Voltaire, Lausanne.
**Plattner**, doktoro kuracisto, *Landquart-Fabriken.*
**Privat** (E.), doktoro, 2, chemin de Roches, Genève.

### Urugvajo

**Legrand** (E.), profesoro, 140, Larranago, Montevideo.

### Usono

**Clegg** (R.), inĝeniero, 225, North Michigan avenue, Chicago.
S. **Cottrell** (F.), inĝeniero hemiisto, 3904, Ingomar street, Washington.
**Frost** (W.), linotipisto, 12, Ash Place street, Cambridge (Mass.)
**Hyman Levine**, inĝeniero, 1655, Lincoln street, Denver (Col.)
**Lehman-Wendell**, doktoro dentisto, 615, Lasalle Building, Minneapolis.
S. **Patterson** (A.), ĥemiisto, 221, New-King, Xenia (Ohio).
**Rosher** (E.) inĝeniero, 125, Beulah street, San Francisco.
**Saba** (G.), studento arkitekto, P. O. Box 157, Urbana (Ill.)
S. **Seidell** (A.) ĥemiisto, 2301, Connecticut avenue, Washington.

esperanta resumo de la entenataj artikoloj, due nacilingva traduko de la esperantaj resumoj de la aliaj gazetoj.

En **Japanujo** ekzistas nun rimarkinde grava movado por nia lingvo, ĉefe en la medicinaj rondoj. En Medicina Fakultato de Tokio, Imperia Universitato, estas forta esperantista Klubo, nomata *Eskulapida Klubo ;* dank' al ĝia klopodo, fondiĝas grupoj en multaj medicinaj lernejoj, ekzemple en Tokio, Nagasaki, Kioto, Keio, Ĉiba, k.t.p. Famaj profesoroj aliĝis al tiuj grupoj, kiuj formas la « Japanan Ligon de Esperantaj Medicinistoj ». Ankaŭ en la farmaciistaj rondoj ekzistas grupoj ĉe Kioto kaj Tojama, kiuj eldonas gazeton titolitan : « Farmacio kaj Ĥemio ».

Medicinaj verkoj estas lastatempe publikigitaj en Esperanto : « La plej simpla metodo por serodiagnozo de sifiliso, de *D-ro Murata ;* ekzamenmetodo pri la efikeco de kupoksvakcino, per enhaŭta inokulado ĉe kuniklo neperfekte imunigata, de *D-ro Karai ;* k. t. p. » Tiuj broŝuroj, tre zorge presitaj, estas senditaj al la ĉefaj medicinaj organizoj de la tuta mondo, kaj konsistigas plej taŭgan propagandilon.

En la tria ĝenerala kunsido de la **Internacia konsilantaro de Sciencaj Serĉadoj,** kiu okazis en Bruxelles, dum Julio 1925, la komitato, sciiĝante ke la demando pri internacia scienca helpa lingvo estas ŝtudata de la Ligo de Nacioj, decidis transdoni al tiu Ligo ĉiujn dokumentojn rilatajn al tiu demando, kiujn ĝi posedas.

La **Katalunaj Radiologiistoj,** laŭ la iniciato de D-ro Bremon Masgraŭ el Barcelono, prezentis al la Internacia kongreso pri Radiologio, okazinta antaŭ nelonge en Londono, proponon rilatan al alpreno de Esperanto, kiel helpa lingvo, krom la naciaj lingvoj. D-ro Bremon prezentis ankaŭ komunikon en Esperanto.

## VENONTAJ INTERNACIAJ KONGRESOJ

En la venonta numero de tiu Bulteno, ni publikigos konsilojn por agado en la internaciaj sciencaj kaj teknikaj kongresoj. Ĉar agado devas esti preparita longatempe antaŭ la kongresoj, ni petas niajn membrojn konigi al ni, kiel eble plej frue, la venontajn kongresojn ; jen tiuj pri kiuj ni sciiĝas :

*Internacia kongreso de la stratoj* okazos dum Septembro 1926, samtempe kun ekspozicio de la stratoj ; al ĝi partoprenos pli ol 50 nacioj. Provizora adreso de la komitato : Milan (Italujo), Uffizi del Genio civile, via Salá, 3.

*Internacia Geologia kongreso* okazos dum Majo-Junio 1926 ĉe Madrid (Hispanujo). Sekretariejo de la organiza komitato : Plaza de la Mostenses 2, Madrid.

*Internacia Teknika kongreso,* organizita de la Inĝenieroj elirintaj el la specialistaj lernejoj de Gand, okazos dum Junio 1926. Sekretariejo : 202, boulevard Albert, Gand, Belgique.

---

## SEKCIO POR TEKNIKAJ VORTAROJ

**S^ro St. Kamaryt,** profesoro en Bratislava, Telocviĉnà 3 (Ĉekoslovakujo), proponas sin kiel fakestro de filozofia terminaro.

**S^ro Williamson,** elektroteknikisto, 114 Duke Street, Leith (Skotlando), sendis tute pretan terminaron de kartografio, entenantan tekston kun numerigitaj vortoj, kaj alfabetan tabelon de la terminoj.

La **Komerca vortaro,** preparita laŭ la formo rekomendita de S-ro Rollet de l'Isle, kaj redaktita de li mem, estas nun en la manoj. de la Asocio « Esperanto et Commerce », por korektado de la teksto, antaŭ la sendo, por tradukado, al alilandaj kompetentuloj.

Ĉar estos grandega laboro starigi senmankan vortaron de la puraj sciencoj, **S^ro Rollet de l'Isle** opiniis, ke estos pli facila kaj pli rapida unue starigi vortaron de la elementaj partoj de tiuj sciencoj. Teksto estas nun redaktita kaj entenas la elementojn de *Aritmetiko,*. *Algebro, Analitiko, Trigonometrio* kaj *Geometrio.*

Tuj post kiam tiu unua verko estos kontrolita, oni okupiĝos pri traduko en diversajn naciajn lingvojn.

Aliparte sama laboro estas komencita pri elementoj de *Fiziko* kaj *Ĥemio* ; poste oni zorgos pri aliaj naturaj sciencoj.

Tiu metodo alportos tiun profiton havigi, post ne tro longa tempo, se troviĝas kunlaborantoj, aron de vortoj uzataj en la kutima lingvo, kaj konataj de ĉiuj mezinstruitaj homoj. Plie estos ekzemplo de tiu nova maniero publikigi internaciajn vortarojn, kaj tio eble instigos sciencistojn kaj eldonistojn kuraĝigi tiun provon.

La kapitano **Bormanis,** 12 Bandkas pulhs, Dangavils (Litovio), de la litova armeo, serĉas korespondantojn por starigi la militistan teknikan vortaron.

---

# KLARIGOJ KAJ KONSILOJ PRI LA VERKADO DE LA TEKNIKAJ VORTAROJ

I. — Por starigi esperantan vortaron de iu tekniko, la fakestro de tiu tekniko redaktos, en sia nacia lingvo, tekston montrantan tiun teknikon laŭ maniero, kiun oni uzas por instrui ĝin ; por tiu redakto oni uzos iun el la multenombraj verkoj uzataj por tiu celo ; la plej taŭgaj estas la tiel nomataj *manlibroj* aŭ *memorigiloj*, kiuj prezentas resume la necesajn sciigojn, kaj entenas ĉiujn terminojn specialajn de tiu tekniko.

Tiu teksto entenos tiujn terminojn kune kun iliaj difinoj ; oni aldonos nek klarigojn, nek elmontradojn. La difinoj estos donataj, ĉu per mallongaj frazoj, ĉu per bildo, ĉu per la rolo ludata de la vorto en la teksto mem. *La teknikaj terminoj estos substrekitaj.*

Jen ekzemplo de la difino per frazo :

« La *tajdo* estas la vertikala kaj perioda moviĝo de la supraĵo de la maro ».

En aplikado de la dua maniero, se la bildo reprezentas nur unu terminon, oni skribos la terminon apud aŭ sub la bildo ; se la bildo entenas kelkajn terminojn, oni skribos ĉiun el ili al ekstremaĵo de streko eliranta el la parto de la bildo, kiun ĝi reprezentas, oni skribos ankaŭ sub la bildo la nomon de la aĵo, kiun ĝi reprezentas.

Jen ekzemplo de la difino per la teksto mem :

« La astroj trairas meridianon, en kies proksimaĵo ili *kulminas* ».

Oni devas atenti la sekvantajn konsilojn por elekti la terminojn entenotajn en la vortaro de iu tekniko :

1e *Montri la terminojn de la aliaj teknikoj, kiujn oni uzas por klarigi la terminojn de la konsiderata tekniko.* Tio kondukas al ripetadoj, ĉar tiuj terminoj estos ankaŭ entenataj en vortaroj de tiuj aliaj teknikoj ; sed tio havos tiun profiton kunigi ĉiujn terminojn uzatajn en iu tekniko. Aliparte tio okazos por ĉiuj teknikoj, kiuj estas aplikoj de teoria tekniko. (Ekz. En la vortaro de *Radiotelefonio,* oni montros la terminojn de *Elektroscienco,* kiuj troviĝos ankaŭ en la vortaro de *Fiziko*).

2e *Ne montri la terminojn de aliaj teknikoj, kiuj estas uzataj en la konsiderata tekniko, laŭ speciala signifo de tiuj teknikoj,* ĉar oni trovos ilin en la vortaroj de tiuj teknikoj. (Ekz. : En la vortaro de *Komerco,* oni ne montros la terminojn rilatajn al la ilaro de havenoj).

3e *Montri la terminojn uzatajn en la kutima lingvo ;* oni ĝenerale konas ilian signifon, sed ili devas tamen troviĝi en la vortaro de tiu tekniko : kaj aliparte povas okazi, ke ili havas, en tiu tekniko, pli precizan signifon. (Ekz. : en la vortaro de *Meteorologio,* oni donos la signifojn de *vento, pluvo,* k.t.p.)

4e *Ne montri la terminojn de la kutima lingvo, uzatajn en tiu tekniko, escepte kiam ili estas uzataj laŭ speciala signifo, malsimila je tiu de la kutima lingvo.* (Ekz. : En la vortaro de *Komerco,* oni montros la terminon *afero,* kiu havas specialan signifon). Evidente tio ne koncernas la esperantan vortaron, ĉe kiu la vortoj devas havi unu nuran signifon.

5e Fine estas certe, ke multaj teknikoj entenos terminojn de aliaj, ĉar, kiel ni diris, ĉiuj teknikoj intermiksiĝas, kaj, eĉ la kutima lingvo estas aro de teknikaj terminoj ; sed tiuj ripetadoj estas neeviteblaj kaj aliparte utilaj.

II. — Post kiam oni estos redaktinta tiun tekston, oni donos al la ĉapitroj ordajn numerojn (uzante romanajn ciferojn). Tiuj numeroj seninterrompe sinsekvos de la komenco ĝis la fino de la teksto.

Poste, en ĉiu ĉapitro, oni skribos inter krampoj, post ĉiu termino, ordan numeron ; tiuj numeroj sinsekvos seninter-

rompe de la komenco ĝis la fino de ĉiu ĉapitro (entenitaj la terminoj de la bildoj). Atentu doni numeron al termino, nur kiam ĝi estas akompanata de ĝia difino (eĉ se ĝi estas uzata antaŭ ol ĝi estas difinita).

Por ke tiuj numeroj ne estu tro grandaj, oni apartigos la tekston laŭ sufiĉe granda nombro da ĉapitroj ; tiamaniere se oni devas poste enkonduki pluajn terminojn, aŭ forigi kelkajn, la ŝanĝo de numeroj ne trudos multenombrajn korektojn.

III. — Du tabeloj estos tiam starigataj :

1e *Tabelo de la ĉapitroj* entenanta la liston de la ĉapitroj, laŭ la ordo de iliaj numeroj, kune kun ilia titolo kaj orda numero ;

2e *Tabelo de la terminoj* laŭ alfabeta ordo ; ĉiu el ili estos sekvata de la numero de la ĉapitro, ĉe kiu ĝi troviĝas, kune kun sia orda numero en tiu ĉapitro.

IV. — Kiam tiu nacilingva vortaro estos verkita, oni sendos ĝin al persono — se eble esperantisto, sed tio ne necesas — de alia nacio, konanta la lingvon laŭ kiu estis redaktita la vortaro.

Tiu persono tradukos, kiel eble plej laŭvorte la tekston, donante al la ĉapitroj kaj terminoj la numerojn, kiujn ili havas en la tradukota teksto.

Tiu tradukanto devos tamen atenti la sekvantajn regulojn :

1e *Se en lia nacia lingvo ne ekzistas termino korespondanta al iu termino de la tradukota teksto,* tio montras ke la reprezentata ideo aŭ aĵo ne ekzistas en lia lando. Tiam li ne tradukos la parton de la teksto difinantan tiun terminon ; kaj sekve ne ekzistos en lia traduko termino havanta la numeron de la netradukebla termino.

2e *Se, kontraŭe, ekzistas en lia lingvo termino, kiu difinas ideon aŭ ion ne montratan en la tradukota teksto,* la tradukanto aldonos ĝin kun ĝia difino ĉe la loko de la teksto, kie ĝi devas logike troviĝi ; kaj li aldonos, sur aparta folio, la tradukon de la aldonata difino, en la lingvo de la tradukata teksto.

3e Fine la tradukanto starigos du tabelojn aranĝitajn kiel tiuj de la tradukita teksto, t. e. de ĉapitroj kaj de terminoj kune kun la ordaj numeroj. (Evidente en la tabelo de la terminoj, tiuj enkondukitaj de la tradukanto ne havas numerojn).

4ᵉ La tradukanto resendos al la fakestro la tradukitan tekston, kune kun la traduko, tabeloj kaj folioj entenantaj la tradukon de la terminoj, kiujn ili enkondukis.

V. — Kiam la fakestro estos ricevinta sufiĉe grandan nombron da nacilingvaj tradukoj, li redaktos la esperantan tradukon, uzante, por trovi la esperantajn terminojn, la tradukojn en la diversaj naciaj lingvoj.

Tiu teksto entenos ne nur la tradukon de la unua teksto (sendita al la tradukantoj), sed ankaŭ la tradukon de la aldonitaj terminoj — se ili ŝajnas necesaj je la internacia vidpunkto. Sed ĉar ili ne estas tute internaciaj, ili ricevos specialan numeradon konsistantan el du nombroj : la unua estas tiu de la internacia termino ĵus antaŭa, kaj la dua, cifero, kiu nur celos signali ĝin. (Ekzemple : 17 — 4).

Oni do vidas, ke ĝenerala ekzameno estos necesa por ordigi la naciajn vortarojn kaj la tabelojn, kiujn ili entenas, tiamaniere ke ili konigu al la samnaciuloj la signifon ne nur de la tute internaciaj terminoj, sed ankaŭ de la parte internaciaj.

VI. — Kiam la teksto kaj la tabeloj estos aranĝitaj, la fakestro sendos tiujn dokumentojn al la kunlaborantoj por ricevi ilian opinion pri la elektitaj terminoj ; por plifaciligi tiun studadon, li aldonos al ĉiu termino, en la tabelo de la esperanta teksto, la nacilingvajn tradukojn.

Fine, post ricevado de la opinioj kaj proponoj de la kunlaborantoj, la fakestro elektos la solvojn, kaj zorgos pri publikigado.

Ebleco utiligi la tekstojn redaktitajn en la diversaj lingvoj, por traduki de iu lingvo en alian, plifaciligos tiun publikigadon, ĉar, pro tio, tiu verko estos uzebla de neesperantistoj. Por plifaciligi tiun uzon, estos taŭge publikigi ĉiun nacian tradukon aparte, tiamaniere ke oni povu aĉeti nur la nacilingvajn partojn, kiujn oni bezonas, kune kun Esperanta teksto aŭ ne.

**Atentu.** — *Ni insiste petas, ke la fakestroj bonvolu sciigi la ĝeneralan sekretarion, pri la stato de ilia laboro, ĉar jam de kelka tempo, ni ricevis preskaŭ neniun informon pri ĝi.*

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn,

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al' la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.

**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.

**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.

(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

| | Fr. fr. |
|---|---|
| **Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) | 4.— |
| **Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) | 12.— |
| **Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle) | 2.50 |
| **Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) | 12.— |

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster) . . . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.